20ª Jaro - Nº 10 (212) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Oktobro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
Nº 1337.67 (Wilrijck)

## Grava Paŝo antaŭen.

# Ni havas Esperanto-Domon

Tiu ĉi numero alvenos en la hejmon de niaj karaj legantoj, eble du aŭ tri tagojn pli malfrue ol ili atendis ĝin. Malgraŭ nia nepra volo akurate aperigi nian organon, ni opiniis, ke tiun ĉi fojon ni tamen devis eventuale atendigi la provaĵojn en la presejo, por ke ni kapablu doni al nia tuta legantaro, ne nur skriban sed ankaŭ fotografan novaĵon, kiun la belga Esperantistaro vere rajtas ricevi en unua vico.

Rapida alrigardo al la bildo sur tiu ĉi unua paĝo jam diris al vi, pri kio temas. Ie, Esperanto aliris la straton kaj alvokis la rigardojn de la preterpasantoj.

Aldonu ni tuj, ke la larĝaj elmontraj fenestroj, kiujn vi vidas, kaj super kiuj flirtas gaje la Esperanto-standardo, apartenas al domo de la Willemsstrato, en Antverpeno. Ĝi lokiĝas vere centre, je dudek metroj de la Meĥlena Ŝoseo, tutapude de la Nacia Banko.

De kelka tempo jam, la administrantaro de la « Belga Esperanto-Instituto » pristudis la manieron, por ion fari, kio havos bonan efikon sur la Esperanta propagando kaj la Esperanta vivo en Antverpeno kaj do ankaŭ en Belgujo.

Unuanimaj estis la gvidantoj por diri, ke oni devas montri al la publiko, ke Esperanto ekzistas. La opinioj nur diversiĝis pri la dezirindeco aĉeti domon aŭ ĝin lui. Konsiderante la nunajn cirkonstancojn kaj la monajn rimedojn, pri kiuj disponas nia nacia komerca organizaĵo, fine la administrantaro, antaŭ unu monato, decidis nur lupreni domon kun magazeno.

Kaj ni povas ĝoji pri la fakto, ke, tuj post la decido, sekvis ankaŭ la efektivigo. En la daŭro de kelkaj tagoj, okazis la diversaj vizitoj, la necesaj decidoj pri lupreno, la ĉiuspecaj aranĝoj pri la organizo mem de la magazeno, kiun direktas Esperanta familio.

Ĉio tiel rapide ellaboriĝis, ke, post unu monato, ni jam povas doni, en nia organo, bildon klaran kaj ĝojigan de la Esperantigita butiko.




Por vivigi la aferon, la administrantaro de «Belga Esperanto-Instituto» devis tamen alpreni novan laborplanon. Dum, en la butiko, oni povas akiri ĉiujn Esperanto-librojn, kiujn oni cetere ankaŭ povas mendi poŝte, oni en ĝi ankaŭ vendas ĉiujn objektojn, kiujn oni povas akiri en ordinara paperkomerco, dum oni akceptas ĉiujn mendojn de presaĵoj, *ankaŭ ne-esperantaj*.

Je l'peto de la administrantaro de la « Belga Esperanto-Instituto », ni tial invitas vin, urĝe apogi nun plene tiun laŭdindan klopodon por iri sur la straton, mendonte, — ekster Esperanto-libroj, — ĉiujn presaĵojn, kiujn vi mem, por via komerco, aŭ por via privata vivo, bezonas, dum vi ankaŭ nenion preterlasos por ke viaj familianoj amikoj kaj konatuloj, same sin turnu al tiu ĉi nova Esperanto-adreso : *Willemsstrato, 21* en Antverpeno, kiel ili sin direktas al alia presejo, libro- aŭ papervendejo.

Nur kun ĉies apogo, tiu ĉi granda entrepreno, iĝos senriska kaj fruktodona.

Maur. JAUMOTTE.

# La XXVIa Universala Kongreso de Esperanto

## Stokholmo, 4-11 Aûgusto 1934

Kompletigante nian unuan raporton, pri la okazintaĵoj en la Kongresurbo, ni nun mallonge rakontos niajn travivaĵojn dum la kongressemajno.

*SABATON, LA 4an DE AŬGUSTO.*

Jam matene alvenis pluraj karavanoj kaj multaj izolitaj samideanoj. Ili ĉiuj unue rapidis al la Kongresejo — la Parlamenta Domo —, antaŭ kiu ĝoje flirtis flagoj de multaj landoj, kaj, inter ili, nia verda esperanta standardo. La kongresanoj ricevis sian bone aranĝitan dokumentaron; jam retroviĝis malnovaj amikoj, kaj interkonatiĝis multaj novaj. Ni tiam eksciis, ke la partoprenantoj estas tre multnombraj, pli ol 2000 samideanoj aliĝis. Tio estas grava sukceso, la nuna kongreso estas vizitata de nombro da kongresanoj ne ofte atingita dum la antaŭaj kongresoj, kvankam tiam la cirkonstancoj estis pli favoraj.

Ĉar la unua oficiala aranĝo nur okazis je la 6a vespere, la esperantistoj uzis la liberan tempon por orientiĝi en la urbo, kaj admiri ĝiajn belajn monumentojn, parkojn, stratojn kaj lagojn.

Akurate je la 6a, ĉiuj kunvenis en la bela Koncerta Domo, kie okazis la Solena Malfermo. Ĝin prezidis unue S-ino Gernsbacher (Köln) anstataŭanta la Prezidinton de la antaŭa Kongreso en Köln, kiu ne povis ĉeesti. Post elekto de la Kongres-estraro, S-ro Rektoro Sam Jansson faris la malferman paroladon; tio estis emociiga momento por la Belgoj, kiam la parolanto memorigis pri la Kongresano n-ro 1, S-ro Frans Schoofs, nia bedaŭrata Prezidanto, kaj petis la ĉeestantaron, ke ĝi bonvolu ekstari je lia memoro, kaj je tiu de la aliaj samcelanoj, formortintaj dum la lasta jaro.

Tiam parolis la Guberniestro de Stokholmo, kiu bonvenigis la kongresanojn, la oficialaj reprezentantoj de la registaroj, kaj la samideanoj parolantaj je nomo de la landaj Asocioj. Por Belgujo parolis F-ino Jennen, kiu, per trafaj vortoj, esprimis la sentojn de la Belgoj kontraŭ Svedujo, la bela lando de kie venis nia ĉarma kaj amata Reĝino. Ŝi uzis la okazon rememorigi ke nia Reĝo, Lia Reĝa Moŝto Leopoldo la IIIa, honorigis nian Belgan Ligon, konservante la Honoran Prezidantecon de ĝi. Tiuj naciaj salutoj estis dissendataj per la svedaj Radio-stacioj. Poste la Kongresanoj aŭskultis festparoladon, elparolitan de D-ro Edmond Privat, telefone el Ĝenevo. Ĝi forte impresis la ĉeestantojn.

Poste ĉiuj rapidis al la Granda Hotelo, kie okazis vespermanĝo kaj interkonatiĝa balo. La grandega salonego estis plenplena, kaj tie ni ĝuis agrablajn horojn, tro rapide forpasintajn.

*DIMANĈON, LA 5an DE AŬGUSTO.*

Matene okazis katolika kaj protestanta diservoj, kun esperanto-prediko.

Je la 12a, ni enŝipiĝis por viziti Saltsjöbaden, beleta banurbeto en la Insularo; pluraj ŝipoj estis necesaj por transporti la Kongresanojn, kaj nia blanka ŝiparo ĝoje veturis preter la krutaj kaj verdaj bordoj de la insuloj, tra naturaj kanaloj, jen larĝaj, jen tiom mallarĝaj, ke apenaŭ estis sufiĉa spaco por la ŝiptrafiko. En Saltsjöbaden ankaŭ tro rapide flugis la tempo, kaj kun bedaŭro ni devis reenŝipiĝi por reveni al Stokholmo, kie nin atendis novaj plezuroj.

Vespere, denove en la Koncerta Domo, okazis koncerto de Ĥoraro el la provinco Dalekarlio. Ĝi estis ĝuo tiom por la okuloj, pro la belaj multkoloraj naciaj kostumoj, kiom por la oreloj, pro la ĉarmaj kantoj en esperanta kaj en sveda lingvoj. Grandan aplaŭdon rikoltis la ĝekantistoj kaj ilia direktisto D-ro Hugo Alfven.

*LUNDON, LA 6an DE AŬGUSTO.*

Matene okazis la malfermo de la Somera Universitato kaj diversaj paroladoj.

Je tagmezo, ĉiuj kongresanoj retroviĝis en la bela Urbdomo, mirinde staranta apud la lago Mälar. Tie oficiale akceptis nin la Urbestro, ne nur per belaj vortoj, sed ankaŭ per bonega lunĉo, prezentita en la Urbdomaj ĝardenoj, je la bordo de la lago. Pri tio certe ĉiuj partoprenintoj konservos plej bonan memoron! Ni ankaŭ povis viziti la belajn salonojn de la urbdomo, tute moderna konstruaĵo en kiu harmonie kunfandiĝas ĉiuj malnovaj kaj modernaj stiloj. Ĝi estas inda je longa priskribo, por kiu bedaŭrinde mankas al mi la loko.

*MARDON, LA 7an DE AŬGUSTO.*

Tiun tagon, krom la kunsidoj de U.E.A. pri kiuj ni jam parolis en la antaŭa numero, okazis pluraj fakaj kunsidoj. Mi nur mencios tiun de T. E. K. A., kiun prezidis P-ro Bujwid (Krakovo); inter aliaj, la raportanto prezentis al la kunveno referaton pri ĥirurgia kuracado de la skolizo.

Vespere, la kongresanaro vizitis « Skansen », belan parkon, plenaeran muzeon, en kiu estas kunigitaj specimenoj de la diversaj regionaj malnovaj konstruaĵoj de la lando. Tie estis prezentitaj diversaj folkloraj dancoj, kiuj estis rigardataj de multaj esperantistoj. Tiu aranĝo ankaŭ ricevis ĝeneralan aprobon.

*MERKREDON, LA 8an DE AŬGUSTO.*

La programo denove enhavis multajn kunsidojn: ĝenerala kunsido de U.E.A., kunsido de la Konsilantaro de la Esperanto-Movado, nove kreita de la Interkonsento de Kolonjo, kunsidoj de la Somera Universitato kaj de fakaj societoj, prezentado de filmo pri Tunizio, siavice retenis la atenton de la esperantista publiko.

Tiun vesperon, ni ĉeestis la duan teatran prezentadon. Profesiaj aktoroj, speciale lernintaj esperanton, bonege ludis du teatraĵojn: la unua estis « Ludi per fajro » de la sveda tutmonde konata Aug. Stringberg, la dua « Edziĝo deviga » de Molière. Ambaŭ estis prezentataj kun originala talento kaj rikoltis varman aplaŭdon. Ni aŭdis, ke la reĝisoro Sandro Malmquist kaj lia aktoraro intencas fari rondvojaĝon tra Eŭropo, kaj prezenti ambaŭ teatraĵojn en diversaj urboj. Ni esperas ke ili ankaŭ venos en nian landon, kaj ke ĉiuj belgaj esperantistoj profitos la okazon ĝui ilian prezentadon kaj aplaŭdi ilin.

*ĴAŬDON, LA 9an DE AŬGUSTO.*

Por iom ripozi de la streĉa laboro de la antaŭaj tagoj, 1200 kongresanoj vojaĝis per speciala vagonaro al Uppsala. Unue « Gamla Uppsala » (Malnova Uppsala) estis vizitata; tie ili surgrimpis la malnovajn montetojn, kie dum la pratempoj okazis religiaj ceremonioj, kaj kiuj estas konsiderataj kiel la

unua politika kaj religia centro de la lando. Poste la kongresanoj estis kondukataj tra la nova Uppsala, kaj gvidataj de lertaj samideanoj, ili admiris la tutmonde konatajn konstruaĵojn, la Kastelon, la Universitaton, la Katedralon, k.t.p. Bona tagmanĝo permesis al ili retrovi fortojn, iom eluzitajn pro la varma vetero. Ĉiuj revenis al Stokholmo tre kontentaj pro la ekskurso.

*VENDREDON, LA 10an DE AŬGUSTO.*

Denove plenplena programo: fakaj kunsidoj, prelegoj de la Somera Universitato sekvis unu la alian.

Vespere okazis Internacia Balo, en la Blua Salono de la Urbdomo. Malgraŭ la granda nombro de ĉeestantoj, dank' al la grandeco de la salono, ĉiu trovis lokon, ĉu por danci, ĉu por babili, ĉu jam por adiaŭi... ĉar kelkaj jam foriris tiun vesperon...

*SABATON, LA 11an DE AŬGUSTO.*

Lasta tago, melankolia tago... La ferma kunsido... Adiaŭoj. Dankoj al ĉiuj sindonaj aranĝintoj...

Mortis la Kongreso!... Vivu la Kongreso!...

Ĝis revido... en Romo!...

Finante tiun mallongan raporton, ni sentas la devon gratuli niajn svedajn amikojn pro la brila sukceso de la kongreso, kiun ili tiel majstre aranĝis. Ni speciale dankas la lokan kongresan komitaton pro ĉiuj zorgoj kaj penoj, kiujn ili prenis sur sin, por pliagrabligi la restadon al la samideanoj kunvenintaj el ĉiuj mondpartoj. Ni ĉiam agrable memoros pri iliaj nomoj: S-roj T. JULIN, prezidanto, E. MALMGREN, sekretario, H. LINDSTEDT, kasisto, S. JANSSON, Prezidanto de la Somera Universitato, kaj deko da Konsilantoj, kiuj ne nur konsilis, sed ankaŭ laboris, laboradis...

D-ro Paul KEMPENEERS.

# LITERATURO

## Georges Rodenbach

*Tornako 1855 — Parizo 1898.*

**Je l'momento kiam ni antaŭvidas kongreson kiel eble plej *vivantan* en Bruĝo, ni vole nevole pensas pri la kantisto de " Bruĝo la *Mortinta* ".**

(La belgaj Esperantistoj.)

*Rodenbach pasigis siajn infanjarojn en Bruĝo kaj studis en Gento kaj Bruselo. Kiam li estis akirinta la diplomon de advokato, li iris al Parizo, kie li sin dediĉis al la poezio kaj mortis en 1898, 43-jara.*

*Lia tuta verkaro, la poezia, kiel la proza parto, esprimas la profundajn impresojn, kiujn li konservis pri la malnova kaj melankolieca flandra urbo Bruĝo.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Liaj romanoj, kiel « Bruĝo la Mortinta », « La Muzeo de la Beginoj », la « Sonorilaristo », k.c. ĉiam rememorigas al Bruĝo, tiu urbo, en kiu la poeto vidis sian idealon de paco kaj poezio.*

*J. V. B.*



**Portreto de Georges Rodenbach de Dhumer Lévy (Luksemburga Muzeo, Parizo), kun, en la fundo, elvokado de la romano " Bruĝo la Mortinta ".**

* * *

## LA VIVO DE L'ĈAMBROJ

Vane nin ekkaŝos ni en domon la kvietan,
Aŭ kovriĝos per silento palaj ĝiaj muroj,
Urĝega tamen Vivo, kun kaŝaj la miksturoj,
Aŭdigas sur vandoj ĝiaj, frapon la fingretan.

Vane nin enŝlosos ni, en senbrueta ĉambro,
Vane ja deziros ni, — kiel tion ŝatis ni —,
Ke estu la spegulo, kvazaŭ senviva ambro...
Sunlumo tra ŝirmiloj, tamen sin enŝovos ĝi.

Ĉiam tamen aŭdas ni, de l'Viv' senhalta krio,
Malgraŭ solecdeziro, fidele kreskas sonoj
En mia la animo. Kun ĝema la ario
Identaj iĝas ili, de l'stratakordionoj.

Kaj ĉu malhelpos ni, ke l'vitroj sub la pluvo
Kvazaŭ vizaĝo ŝajnu, sensanga kaj kronita
Per akva la dornar' de l'vento kunplektita,
Kiun neniu viŝos, en lasta ama pruvo.

Vitraĵoj senkoloraj, kiuj al ni konigas
La Vivon, tra l'kurtenoj, arkforme disigitaj.
Vitraĵoj, vand' klarega, sur kiuj pluv' vidigas
Dolorojn, kiuj estas, sur ili etenditaj.

Malfortaj la vitraĵoj, helpantaj la eksteron,
Ĉe kiuj, eĉ vundiĝas, persista la muziko,
Dum ĝi trairi volas, de l'vitro la malveron
Kaj ritmojn al mi portas, sensangajn, sen fortiko.

Tiele, tra la vitroj de l'Vivo la obsedo
Kaj ĉiuj la doloroj, sennomaj, lacigantaj :
Sonoriloj kaj verdaĵ' — tremanta sen rimedo —,
La pluvo kaj la krio de floroj la velkantaj,

Do unuvorte ĉio, en la vespernaturo,
Min al la vitroj tiras, spiriton la plenfebran ;
Sur ili oni miksas, kaj larmon la funebran
Kaj neĝon kaj radiojn, al peza la lazuro.

*Trad. Maur. Jaumotte.*

***

***La eltiraĵoj el la biografio de G. Rodenbach, kunmetita de S-ino Van der Veken-Van Bockel, kaj la traduko de nia direktoro, estas ĉerpitaj el " Belga Antologio ", kompilita por la franca parto de S-ro Jaumotte mem, kaj por la flandra de S-ro H. Vermuyten. Tiu ĉi verko, en du volumoj, kostas nur Fr. 40 ĉe la eldoninto " Belga Esperanto-Instituto ", Willemsstrato, 21, Antverpeno. (Tel. 732.99.)***

* * *

# Nokta Aventuro

« Mi akompanos vin al via hotelo » — diris Geoffrey Gill. « Antaŭ ol enlitiĝi mi kutime iom promenas » — kaj kiam mi pro ĝentileco diris, ke mi tute bone povas iri sola, li mallonge aldonis : « Se ĝi estus ofero, mi restus hejme ! inerta homo estas egoista. »

Malproksima sonorilo batis duonon de la dekdua, kiam ni paŝis el Vilao Rozo sur la bulvardon de Menton. Tiu bulvardo do Garavan estas larĝa makadamŝoseo, kiu iras laŭ la montdeklivoj ĝis alto de ĉirkaŭ tridek metroj. Ambaŭflanke staras elegantaj vilaoj, kelkaj kun belaj ĝardenoj kaj preskaŭ ĉiam superŝutataj de vera flortrezoro. Ĉe la marflanko tie kaj tie ĉi malsupreniras mallarĝaj piedvojoj, laŭ kiuj oni en malmultaj minutoj povas atingi la Promenejon de Garavan, la markajon, paralelan kun la bulvardo, ĉe kiu kuŝis mia hotelo.

Ni laŭiris unu el tiuj vojoj. En la komenco ĝi estis tiel kruta, ke sur ĝi estis faritaj tridekkelkaj ŝtupoj por pli oportune iri malsupren. Poste la vojo, iom malpli kruta, kondukis kun kelkaj akraj kurbiĝoj tra mallarĝa trairejo inter du altaj ĝardenmuroj rekte al la Promenejo. Ne estis tie lanternoj kaj nenie viva kreitaĵo sin montris.

Kiam ni eniris la supre nomitan trairejon, subite mi vidis, malklare siluetiĝantan en la lumo de la Promenejo, ekstari homan figuron, kiu evidente estis kuŝinta genue sur la tero. Momenton li staris senmove, turninte la vizaĝon al nia flanko. Poste ĝi sin returnis, rapide ekkuris kaj malaperis ĉe la angulo de la Promenejo. En la sama momento G.G. kuris post ĝi kaj malaperis, ĉe la sama angulo. Mi aŭdis liajn paŝojn laŭ la kajo, dum mi mem kun senesprima mieno rigardis la korpon de alia viro, kuŝanta senviva ĉe miaj piedoj.

Ĉio ĉi okazis en malmultaj sekundoj. Mi sufiĉe konis mian amikon por scii, ke li abomenas malsaĝan panikon, kiu igas personon en mia situacio voki helpon kiel frenezulo. Mi do silentis kaj klinis min super la homa korpo, kuŝanta senmove.

Estis mallume inter la ĝardenmuroj sed la luno jam staris sufiĉe alte sur la ĉielo por ke mi povu vidi, ke la viro kuŝas plate sur la tero kun la vizaĝo malsupren. La dekstra mano estis etendita flanken, la maldekstra sin kaŝis sub la korpo. Singarde lin palpinte, mi eksciis, ke tenilo de peza tranĉilo elstaras el lia dorso. Evidente forta mano estis lin terenpuŝinta de malantaŭe. Plej certe la viro estis senviva.

Mi decidis atendi la revenon de G.G. Mi sciis, ke li ne bezonas mian helpon kontraŭ tiu sola viro, kaj estis plej grave, ke neniu proksimiĝu kaj tuŝu la senmovan korpon ĉe miaj piedoj. Feliĉe mi ne bezonis longe atendi. Baldaŭ mi aŭdis paŝojn kaj mia amiko aperis ĉe la stratangulo. Li tenis ĉe la nuko malgrandan viron, kiu aŭdigis malfortan ĝemadon kaj kies tuta korpo tremetadis.

« Jen, Willy, tenu tiun viron momenton » — li diris. « Li kuris kiel leporo, tamen ne sufiĉe rapide! Feliĉe neniu sin trovis sur la kajo, alie certe estus okazinta tumulto. » La eksteraj kvartaloj de Menton jam je la deka horo estas kvazaŭ formortintaj. Tramoj jam ne veturas kaj homo estas malofta fenomeno. Geoffrey pri tio ĝojis, ĉar, kiam li malkovras krimon, li kore malŝatas ĉion, kio nur iomete kaŭzas homamasiĝon kaj sensacion.

Dum mi tenis la viron, G. G. elpoŝigis lanterneton, ekgenuis apud la korpo kaj detale ĝin esploris. Post ĉirkaŭ kvin minutoj li restariĝis.

« Willy » — li diris, « igu tiun viron stari kaj ellasu lin, sed zorgu, ke li ne forkuru ».

Mi plenumis tiun peton kaj la viro, tremanta kaj dentklakanta, sin apogis kontraŭ la ĝardenmuro. Li ekmurmuris : « Sinjoro eraras, mi tute ne havas aferon kun ĉi tio, mi estas same senkulpa kiel sinjoro mem », k. t. p.

« Tais toi » — G. G. krudparolis al li, lumigante lian vizaĝon per sia lanterno : malhelan, malplaĉan vizaĝon kun mallumaj arkoj sub la okuloj, griziĝantaj lipharoj kaj stopla barbo. Li aspektis kiel vera vagulo, kiu certe estas kapabla fari murdon, kondiĉe ke li mem ne risku ion ; ĉar je la unua ekvido montriĝis, ke li estas malkuraĝulo.

G. G. reenpoŝiginte sian lanternon, stariĝis antaŭ la viro kaj je mia mirego komencis superŝuti lin per torento da francaj insultnomoj. Mi neniam vidis lin tiel kolerega. Kelkfoje li levis la manon, kvazaŭ por bati la vagulon ; tiam la viro kurbiĝis kaj siavice levis la manon por forturni la minacan baton. Estis strange, ke Geoffrey neniam plilaŭtigis la voĉon, krom ĝis ia sibla flustrado. Malgraŭ lia iom neklarigebla kolero ŝajnis tamen, ke li volas eviti bruon. Fine li tiel ekkoleregis, ke li deŝiris la malpuran ĉapon de la kapo de l'viro kaj kun malbeno ĝin ĵetis antaŭ liajn piedojn. Nur post tio li iom post iom rekvietiĝis kaj paŝis momenton tien kaj reen, frotante sian kapon.

« Prenu ĝin » li ordonis, montrante la ĉapon. La

viro, kies dentklakado estis bone aŭdebla, obeis tremante kaj remetis la mizeran kapkovraĵon sur siajn senordajn harojn.

« Ĉu vi freneziĝis, G.G. » — mi ne povis ne diri, sed G. G. faris, kvazaŭ li aŭdis nenion.

« Jen » — diris li, tute rekvietiĝinte, « nun mi devas konigi la aferon al la polico... Ĉu vi bonvolos iri maldekstren sur la kajo, Willy ? En kvin minutoj vi atingos la francan doganejon kaj tie sendube vi ankaŭ trovos la policon ».

Estis, kiel mia amiko diris kaj kun la helpo de tri malaltkreskaj, sed fortmuskolaj policanoj la korpo de la murdita viro, kune kun la supozebla murdinto, estis transportita al la doganejo, en kiu baldaŭ venis longa, malgrasa viro, prezentanta sin kiel polickuracisto. Oni rapidis venigi lin, same kiel diversajn aliajn aŭtoritatulojn, kiuj eksterordinare baldaŭ aperis.

Kompreneble G.G. kaj mi devis ĉion detale rakonti. Ke mia amiko legitimis sin angla detektivo, kaŭzis iom da sensacio. Ŝajnis, ke neniu dubis, ke ni kaptis la murdinton en la freŝa faro, tiom pli, ĉar la kuracisto post esplorado konstatis, ke la viktimo ankoraŭ ne povis esti mortinta antaŭ duona horo. Evidentiĝis, ke la suspektato estas individuo, bone konata de la polico, duone almozulo, duone ŝtelisto. Akompanata de forta policanaro li estis forkondukata al la stacidomo por esti transportata per la noktvagonaro al Nice.

Dume oni detale esploris la korpon de la murdito kaj pro ĝentileco oni permesis al la angla detektivo ĉeesti ; tiu ĝentileco ankaŭ rilatis al mi, tiel ke mi povis vidi kaj aŭdi ĉion, kio okazis. La murdito estis fortika, peza viro, vestita en dika kruda kostumo, evidente konfekcia, kun stampo de pariza vestaĵmagazeno en la internaĵo de la brustpoŝo. Laŭ sia eksteraĵo li estis inter tri-kvardekjara; li havas vulgaran glatrazitan vizaĝon, grandan buŝon kaj helbluajn okulojn. La armilo, kiu kaŭzis lian morton, estis unu el tiuj pezaj « Svedaj » tranĉiloj, kies moveblan klingon oni per fortika risorto fiksas sur la ronda tenilo, tiel ke, eĉ ĉe la plej forta ekpuŝo, tordfleksiĝado estas neebla. Singarde eligite el la vundo, ĝi montris, laŭ la fabrikmarko, ke ĝi venas el konata franca fabrikejo. La subaj vestoj de l'mortinto estis malelegantoj kaj ne nomsignitaj. En la poŝoj oni trovis nenion krom kelkaj moneroj — francaj kaj anglaj — kaj granda nikela horloĝo. Neniun paperujon... nek liberajn paperaĵojn...

Kiam post la finita esploro, mi iris kun G.G. laŭ la kajo al « Sankta Mario » mi kuraĝis rimarki, ke malgraŭ la francaj vestoj kaj la franca tranĉilo, ŝajnas al mi, ke la viro estas anglo.

« Ni atendos » — respondis G. G. « Mi kredas, ke ni ankoraŭ aŭdos pri tiu afero. Kaj » — li daŭrigis, kiam ni haltis antaŭ la krado de mia hotelo — « mi tre deziras, ke vi silentu pri la tuta okazintaĵo dum nia reirvojaĝo al Anglujo. Se vi aprobas, ni veturos kune. Sed ne eligu eĉ unu vorton al kiu ajn. Per tio vi plifaciligas mian taskon ».

« Vian taskon? » — mi demandis iom mirigite.

« Certe ! La franca polico nun komencas la esploradon, sed... la spuro kondukos trans la Kanalon ! Adiaŭ ĝis morgaŭ »... kaj post rapida manpremo li foriris.

*
* *

La sekvantan tagon G.G. aperis sur la Promenejo du Midi nur post la tagmezo.

« Oni liberigis nian amikon » — estis liaj unuaj vortoj. « La viro havas efikan alibion. Hodiaŭ mi jam estis en Nice. »

« Alibion » — mi demandis. « Sed hieraŭ oni interkonsentis, ke en la momento de la murdo, li nepre estis en la proksimeco ».

« Willy » — diris G. G. interrompante min. « Ne daŭrigu paroli pri la afero. Kontentigu vin per la certeco, ke li ne estas kulpa. Eble li klopodis prirabi la kadavron, sed ankaŭ tion ni ne povas certe pruvi. Do, de nun la afero kiom ĝi rilatis nian amikon kun la ĉapo, estas finita. »

« Sendube tio vin mirigis » — mi diris.

Momenton li rigardis min, ridante. « Mia knabo» — li diris, « mi ne kredis eĉ momenton, ke li estas la kulpulo. »

« Kiel ? ! Kaj via hieraŭa kolero ! Via malsaĝa ekbolo, ĉar malsaĝa ĝi estis tion vi konsentos. »

« Tute ne ! Sed, kara amiko, la kialon de mia ekkoleriĝo mi ne rakontos, antaŭ ol mi estos kaptinta la veran kulpulon ! Kaj nun, almenaŭ provizore, sufiĉe pri ĝi ! Estas belega tago kaj ne tro varma. Ni promenu en la posttagmezo al Sankt-Agnès. Mi bezonas movadon : grimpadi kaj ŝviti ! Libertempo, knabo, libertempo ! »

En la posttagmezo ni iris al Sankt-Agnès kaj vidis tute malproksime sur la maro malluman strion, Korsiko !

*Esperantigis el la Nederlanda*
*« La Homo el Francujo » de Ivans*
S[ino] W. VERSTEEG-GRAFTDIJK

*
* *

***La ĉi supra teksto estas eltiraĵo el la dua ĉapitro de " La Viro el Francujo " (Aventuro de Geoffrey Gill, detektivo) de la fama nederlanda detektiv-romanisto Ivans, de kiu S-ino W. Versteeg-Graftdijk faris tre bonan tradukon. La romanoj de Ivans estas tre belaj tipoj de la plej bona, interesa detektivoromano, kiun oni povas meti en ĉies manoj kaj pri kiu eĉ la plej klera homo povas senti intereson, ĉar oni, en ĝi, ne alparolas la pasiojn, sed nur la intelekton, la menson de la leganto.***

***Tiu ĉi libro, bele bindita, kostas Fr. 35. " Belga Esperanto-Instituto " tamen akiris la solvendrajton en Belgujo de la kolekto en kiu aperis la libro, kaj al kiu ankaŭ apartenas la belega traduko de Lidja Zamenhof de " Quo Vadis ". Tiel ĝi povas al tiuj, kiuj sin enskribas por 6 diversaj volumoj el tiu kolekto, cedi la tuton por Fr. 120 aŭ nur Fr. 20 por unu ekzemplero!!***

***Tiuj, kiuj deziras ekscii la sekvon de la esplorado de la detektivo G. G. pri la dramo skizita, memoru bone la detalojn jam legitajn; ili enhavas la ŝlosilon de la enigmo. Demandu detalojn kaj mendu la libron ĉe " Belga Esperanto-Instituto ", 21, Willemsstrato, Antverpeno. (Tel. 732,99.)***

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

1 Oktobro: Malfermo en Antverpeno de la ESPERANTO-DOMO, luata de « Belga Esperanto-Instituto ».

6 Oktobro je 20 h. : vizito de la grupo al la magazeno (kunveno en Willemsstrato) ; poste la administranto-prezidanto de B.E.J. kaj S-ino Vermandere akceptos la vizitintojn en « Witte Leeuw ».

9 Oktobro: Malfermo de kurso gvidota de F-ino M. Jacobs

13 Oktobro: Ĝenerala monata kunsido.

20 Oktobro: Gramofonvespero en la magazeno de G-roj A. Faes.

27 Oktobro: Parolado kun lumbildoj pri Stokholmo (kompletigo de la unua parolado).

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **"Bruĝa Grupo Esperantista", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

2 Okt. : a) Lastaj aranĝoj por la nova kurso. b) Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

5 Okt. : Vendredon, je la 20-a, en la grupa sidejo « Hôtel du Cornet d'Or » : Nova kurso por komencantoj sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Sekvantaj lecionoj la 12, 19, 26an de Oktobro.

9 Okt. : Priparolado de S-ro Robert Groverman, Advokato, pri « URO ». Prez. F-ino Y. Hubrecht.

16 Okt. : Konkursa vespero. Lexicon kartludo. Belaj premioj. Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.

23 Okt. : Kanta vespero sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn. Dum la paŭzoj poŝtmarka borso.

30 Okt. : Humora vespero. Amuzaj rakontoj. Prez. S-ro E. Guillaume.

1 Nov. : Je la 10a matene, kutima partopreno en la sekvantaro kiu iras al la milita mortintejo.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, papero, kovertoj pk. k.t.p. — c) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazas « Samideana Prediketo ».

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

1 Okt. : S-ro Castel prezidos *kaj*, en aparta kunsido, ekzameno de la gelernantoj.

8 Okt. : S-ro Lavisse prezidos.

15 Okt. : F-ino La Haye prezidos.

22 Okt. : D-ro Van der Biest prezidos la jaran ĝeneralan kunvenon : 1) la eksiĝanta komitato raportos pri sia agado dum la pasinta societa jaro (prezidanto, kasisto, sekretariino) ; 2) Elekto de la nova komitato.

29 Okt. : F-ino Obozinski prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée :* ĉiulunde je la 7a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo :* provizore : ripozo.

*Grupo de Sclessin :* ĉiujaŭde je 19 h. 30 vespere, ĉe S-ro L. Dechesne, rue Ernest Solvay, 1, kontraŭdireblaj paroladoj.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo".** — Kiel jam dirite en la antaŭa numero, okazis la 25an de Aŭgusto la diplomdisdono al la lernintoj de la kursoj de S-roj Jaumotte kaj Sielens. La Prezidanto, S-ro Jaumotte, bonvenigis la lernantojn kaj la familianojn, gratulis la diplomitojn kaj la profesoron S-ron Sielens, kiu kvankam Esperantisto de antaŭ nur du jaroj, jam tiel efike laboris por nia lingvo Jen la palmareso de la du kursoj : akiris la diplomon kun la plej granda merito : S-roj Vanwonterghem Osc., Schmieder Maurice kaj Wauters Ach. ; kun granda merito : F-inoj Kayser Anny kaj Van Eeckhoven Juliette ; kun merito : S-roj Seys Jos. kaj Cassiers M. ; kun sukceso : S-roj Weber Hugo, Plompen P. kaj Stobbaerts. Ĉiuj ricevis, kun la diplomo, belan premion. La alveno, dum la diplomdisdono, de S-ro Moy Thomas el Londono, donis okazon pasigi poste ankoraŭ gajan horon de kantaŭskultado.

La 8an de Oktobro okazis la ĉiujara mitulvespermanĝo en Sta Anjo, kiu estis ĉeestata de 40 gemembroj kaj dum kiu oni sin kiel plej eble amuzis, malgraŭ gravega fulmotondrado. La Prezidanto kore bonvenigis dum tiu vespero S-ron Durand, Britan samideanon, kiun diversaj membroj jam konis kaj estis feliĉaj rerenkonti.

La 15an S-ro Jaumotte povis anonci al la Antverpena esperantistaro la baldaŭan malfermon de la Esperanto-domo, kaj la 22an sekvis la prokrastita parolado de S-ro Vermuyten, pri « Benoit ». Varma aplaŭdo kaj laŭdvortoj montris al la agrabla paroladisto, kiel alte la Verdstelanoj taksas la literaturan kaj poresperantan laboron de la ĉiam helppreta amiko Hector.

**BRUĜO. — "Bruĝa Grupo Esperantista", Reĝa Societo.** — La 21an de Aŭgusto, agrabla vizito de S-roj Moy Thomas, el Londono, kaj Hancock, el Northhampton. Impresoj kaj raporto pri helpo kaj sintenado de la grupo dum la loka Komerca Foiro.

La 28an de Aŭgusto, tre vigla kanta vespero sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye kaj F-ino A. Boereboom kaj kun brila partopreno de la kantema brita samideano S-ro Moy Thomas.

La 4an de Septembro, granda intereso por legado de «Belga Esperantisto ». Rimarkoj kaj deziresprimoj.

La 11an de Septembro, tre vivoplena kunveno pro konkursoj pri « Lexicon »-Ludo. Akiris surprizajn premiojn : F-ino M. Sanders, S-ro G. Groothaert, F-ino C. Leibrand.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 6an de Aŭgusto, S-ro Opal prezidis. Li rakontis spritajn anekdotojn, kiuj enhavas demandon, kiun li petis la ĉeestantaron respondi. Tio okazigis ĝeneralan kaj gajan diskuton.

La 27an S-ro Swinne prezidis. Dum tiu kunveno la membroj, kiuj ĉeestis la Stokholman Kongreson donis kelkajn detalojn pri sia vojaĝo. Dum tiu kunveno ni havis la grandan plezuron ricevi la viziton de S-ro Moy Thomas kaj de lia gitaro. Ĉar estas ĉiam festo, kiam S-ro Moy Thomas faras viziton. La Prezidanto petis lin ke li kantu kelkajn verkojn el

sia repertuaro, kion li afable faris je la ĝojo de la ĉeestantaro.

La 3an de Septembro D-ro Kempeneers prezidis. Dum tiu kunveno oni legis kelkajn humoraĵojn el « La Pirato » kaj poste S-ino Kestens rakontis, en kelkaj vortoj, la vojaĝon de sia frato en Ruslando.

La 10an, F-ino Obozinski prezidis. Post kelkaj informoj, la membroj legis laŭvice humoraĵojn el « La Pirato ».

**LIEĜO — CHÊNÉE — SCLESSIN. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La ĉiusemajnaj perfektigaj amuzvesperoj daŭris sukcese okazi dum la somera periodo kaj estis ĉeestataj de regula multnombra samideanaro.

Krom tio la komitato organizis kelkajn dimanĉajn ekskursojn, kiuj ankaŭ bone sukcesis.

La 22-an de Julio dudeko de amikoj promenadis al la ĉarma vilaĝo de Ramioul, kie, post interesoplena vizito de la tiea bela groto, la grupo plene ĝuis la vivon en la arbaro ĝis la rehejmiĝhoro, kiu, en tiaj okazoj, ĉiam venas tro frue.

La 26a de Aŭgusto estis dediĉata al ŝipveturado, kies celo estis la Alberta kanalo. Sufiĉe granda grupo ankaŭ partoprenis tiun belegan ekskurson kaj havis la feliĉon admiri la gravan laboron tie entreprenitan. Ĉe la reiro longa halto en Visé agrabligita per ĉarmaj promenadoj ĉirkaŭ la urbo kaj diversaj amuzoj en Robinson-insulo inde kompletigis la vojaĝon

Fine la 16-an de Septembro la lieĝaj samideanoj vagadis tra la ravaj arbaroj supre de Ougrée, kaj vizitis la novan kvartalon de St. Jean-arbaro, la beletan vilaĝeton de Sart-Tilman, tiel profitante bone la ankoraŭ mildan veteron.

Poste rekomenciĝos la serioza laboro, t. e. la malfermo de kursoj. Jena programo estis pretigata: en Sclessin kaj lieĝa « Cercle Polyglotte » ĉiuvendrede depost 21/9; en Chênée kaj Seraing ĉiulunde depost 1/10; en Lieĝo (lernejo Hocheporte) ĉiumarde depost 2/10 kaj en Jemeppe ĉiumerkrede depost 3/10. Multaj muraj afiŝoj kaj ĵurnalartikoloj anoncis la aferon; ni esperu ke tiu ĉi grande sukcesu.

## XXVI-a Belga Esperanto-Kongreso

*2a INFORMBULTENO :*

*La organizanta komitato konsentite kun Belga Ligo Esperantista decidis ke la kongreskarto kostos 15 frankojn, pagotajn de nun al poŝtĉekkonto n-ro 1191.10 XXIVa Belga Esperanto-Kongreso, Bruĝo.*

*Jen du interesaj punktoj de la programo.*

*Sabaton ptm.: Ekzameno pri profesora kapablceco, kies programo sekvas ĉi sube.*

*Lundon: Ekskurso al Knocke-Zoute.*

### Programo de la ekzameno pri profesora kapableco

A. *Skriba parto :*

1. Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen vortaro.
2. Traduko en Esperanton, sen vortaro.
3. Redakto : Pritrakti temon en Esperanto. (Daŭro : 3 horoj.)

B. *Voĉa parto :*

1. Legado de Esperanto-teksto, (dum 5 minutoj).
2. Traduko de la legita teksto.
3. Voĉa resumo de tiu teksto.
4. Klarigo, per Esperanto, pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj pri kunmetitaj vortoj, (dum 5 minutoj).
5. Interparolo kun la membroj de la juĝantaro pri la historio de Esperanto kaj respondoj al kritikoj kontraŭ la demando de lingvo internacia (dum 10 minutoj).

C. *Instruado :*

1. Instruado, per Esperanto aŭ naciaj lingvoj, pri gramatika punkto. (Speciala punkto por ĉiu kandidato. (15 min.)
2. Paroliga ekzerco kun lernantaro. (10 minutoj.)

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 65/100 de la poentoj en ĉiu parto.

## MONSUBTENO

Laŭ peto de la Ligestraro, ni en ĉiu numero daŭrigas subtenliston, por la eldona kaso de « Belga Esperantisto », dum ni ankaŭ kvitigas per mencio ĉiujn pagojn, faratajn al la « Fondaĵo Frans Schoofs ».

Ni memorigu, ke, por ambaŭ, ni akceptas eĉ la plej malgrandajn donacojn. Ili estas bonvenaj sur Poŝtĉekkonto 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

Por « BELGA ESPERANTISTO » :

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . . . | Fr. 35,— |
| Bruĝa Grupo (soldo de Aŭgusto) | Fr. 5,— |

Por « FONDAĴO FRANS SCHOOFS » :

| | |
|---|---|
| Ĝisnuna sumo . . . . . . | Fr. 2.635,— |

## INTER NI

*Ĉiu, kiu deziras partopreni al la korespondado de la « Inter Ni »-anoj rajtas ensendi maksimume 12 liniojn de ĉirkaŭ 60 literoj aŭ spacoj en ĉiu numero, por Fr. 2. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas, en tiu ĉi lasta okazo, ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon, uzitan en la letero al ni senditan.*

19. AL ĈIUJ NIAJ LEGANTOJ. — Kun vera bedaŭro, ni devas pro lokomanko prokrasti ĝis la sekvanta numero la korespondaĵojn jam ricevitajn por nia rubriko « Inter Ni ». Neniu sendaĵo tamen ŝajnis al ni havi urĝan karakteron. Ni tial kuraĝis preni nian decidon. Intertempe ni demandas al la grupoj, ke ili dum kunvenoj priparolu tiun ĉi anguleton de la revuo, en kiu la membroj eĉ rajtas sin turni al la Direktoro de la organo, kun kritiketoj aŭ kritikegoj... se ili nur kunhavigas la Fr. 2,— ŝuldatajn. Pensante pri la mono kiu alvenos tiele en la kasistajn manojn, kiuj estas tamen ankaŭ la direktoraj, ni kun ĝojo eĉ akceptus multegajn kritikojn. Por eventualaj laŭdoj oni sin turnu rekte al la Direkcio, sed la prezo estos kompreneble pli alta! — *Direktoro de B. E.*

## KORESPONDADO.

S-ro Joŝi Jamamuta, japana junulo, deziras korespondi kun belgaj gejunuloj. P.O. Box 14, Tojama-ŝi, Japanujo.

## *GRAVA KOMUNIKO.*

***De la 1a de Oktobro, la adreso de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Societo, estas: WILLEMSSTRATO, 21, ANTVERPENO. Pro tiu translokigo la telefonnumero iĝas: 732,99.***

***La telefonnumero en la domo: Kleine Hondstrato, 11, privata loĝejo de S-ino Schoofs, iĝas de la sama momento: 931,89.***

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.